**B O L E T I N**
**DE LA**
**FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

**Redaktoro: S-ro Angel Pérez Saura**
**Str. V. Sancho-Tello, 24, b. ú.**
**VALENCIA (Hispanujo)**

**Monsendojn adresu nepre al:**
**S-ro Ernesto Guillem - Str. Marqués de Caro, 6**
**Valencia (Hispanujo)**

**Kotizoj de la Federacio por ricevi BOLETIN**
**Membro abonanto: 60 pesetojn, jaro.**
**Membro subtenanto: 120 pesetojn jaro.**
**Ĉi tiuj membroj ricevas du ekzemplerojn se ili tion deziras.**
**Eksterlandaj abonoj: Minimume, 60 pesetojn jaro.**
**Kolektivaj membroj: 6 pesetojn jaro.**
**La grupo ricevas unu ekzempleron po ĉiu deko da tiuj membroj.**

**Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortojn aŭ frakcio.**
**Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.**

## Nuestros socios protectores

(En esta lista no incluiremos a los que reciban dos ejemplares.)

Fernando Costa (Portugal).
Antonio Jiménez (Castellón).
Miguel Manteca (Caspe).
Agustina de Rebollo (Barcelona).
Jaime Herp (Barcelona).
Giordano Moyá (Tarrasa).
Cecilio Olalla (Bilbao).
Nicomedes Ullar (San Feliu Codinas).
Centro Parroquial (San Feliu Codinas).
Dionisio Ric (Málaga).
Eleuterio Moreno (Málaga).
José Casanovas (Gerona).
Círculo Mecantil (Málaga).
Feliciano Martín (Madrid).
Jaime Aragay Pujols (Barcelona).
Amalia Núñez (Pamplona).
Dolores Brugué de Roca (Barcelona).
H. E. Fervojista Asoc. (Barcelona).
José Ezquerra (Barcelona).
Antonio Criach (Sabadell).
Antonio Galbany (Sabadell).
Pepita Criach de Caspary (Oslo).

Hasta 20 enero 1961.

# JEN LA SEKRETARIO



Dum la pasinta jaro, HEF prenis kelkajn decidojn kiuj, nun, ekdonas siajn fruktojn.

Unu estas la HEF-aniĝo de la grupoj Pri tio estas pli elokventa ol mia babilado ĉi tiu listo, kiun ni esperas daŭrigi en venontaj numeroj :

| *E-Grupo* | *Membroj* |
|---|---|
| Burjasot (Valencia) ... ... ... ... ... | 13 |
| Fábrica de Mieres ... ... ... ... ... | 25 |
| Tarrasa ... ... ... ... ... ... ... ... | 108 |
| Esto (Tenerife) ... ... ... ... ... ... | 100 |
| Aŭroro (Barcelona) ... ... ... ... ... | 40 |
| Moyá ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 33 |
| Santander ... ... ... ... ... ... ... ... | 17 |
| Santa Coloma de Gramanet ... ... | 11 |
| La Verda Kolombejo ... ... ... ... | 24 |
| Sabadell ... ... ... ... ... ... ... ... | 163 |
| Pontevedra ... ... ... ... ... ... ... | 400 |
| Iriarte, el Tauste ... ... ... ... ... | 24 |

El tiu listo, la kvin unuaj grupoj jam pagis la koncernan kotizon kaj la ceteraj anoncis baldaŭan sendon de la siaj.

Laŭ miaj kalkuloj, restas ankoraŭ minimume aliaj mil kolektivaj membroj en la grupoj kiuj ĝis nun ne skribis al ni. Tio signifas por HEF kvazaŭ cent efektivaj membroj, plus aliaj cent eblaj, kaj tio estas granda sukceso.

Al la grupoj supre menciitaj ni sendas jam ĉi tiun numeron de BOLETIN; al la grupoj ankoraŭ ne federaciĝitaj ni ne povas garantii tion, ĉar ne estas eble fari duan eldonon, kaj aliflanke, HEF ne povas eldoni pli da ekzempleroj sen garantio pri ilia pago.

Pri la membrokarto por la kolektivaj membroj mi ne povas anonci ion konkretan ankoraŭ, ĉar ili ne estas pretigitaj.

Kaj nenion plu, hodiaŭ.

A. Pérez
*HEF-Sekretario*

# LA PLEJ BONA MALAPERIS!

La kroma flugfolio enmetita en nia lasta numero havigis al ĉiuj la neatenditan, surprizigan kaj dolorigan sciigon : La senlaca vigliganto, la facilparola oratoro, la sukcesplena organizanto de la esperanta movado en nia lando, malaperis!

De longaj semajnoj ni jam konsciis pri la grava karaktero de la hepata malsano de nia samideano. Li jam sentis sin malforta de antaŭ la kongreso en Pontevedra, kien li povis iri dank'al kuracila helpo. Reveninte, li pasigis la someron ion ĝenata, sed, dum Oktobro, li partoprenis la propagandan ekskurson al Gandía, kie li, pli ol kutime, atingis grandan sukceson per brila kaj entuziasmiga parolado ; ni mem, alkutimitaj al aliaj sukcesoj, taksis ĝin tre alte. Ni ne povis, tiam, antaŭpensi ke tiu estis lia cigna kanto!

Li havis ankoraŭ forton por viziti la zaragozan kaj madridan samideanarojn, sed, tuj post la reveno, li komencis sperti la seriozan evoluon de sia mortiga malsano.

Ni ne ŝparis, por li, iajn ajn helpojn : medikamentojn, transfuzojn konsultojn kun eminentaj specialistoj, k. t. p. Ĉiuj konfirmis, bedaŭrinde, la fatalan karakteron de lia malsano. Lia sorto estis skribita sur la libro de la lasta konto!

La dekduan de Januaro, post tritaga fina rezisto, li forlasis nin por ĉiam. Tiuj kiuj, antaŭ nelonge, vidis lin en Pontevedra, Zaragoza kaj Madrido, tutcerte ekscios, aŭ ekscias nun, pri lia forpaso, kun doloriga surprizo. Kiel pensi ke tiel batalema kaj moviĝema homo, kiu ŝajnis esti farita el hidrargo, povas malaperi de nia mondo, kaj, tre bedaŭrinde, de nia movado, tiel subite, tiel ĉagrene?

Tamen la kruda vero estas tia : li jam ne plu estas inter ni ; li jam ne puŝos nin al senĉesa laborado —kiel li mem faris—, li jam ne plu mirigos nin per siaj oratoraj brodaĵoj, li jam ne vigligos niajn kongresojn kaj ne lasos, sur la paĝojn de nia Bulteno, la konsistaĵojn de sia forta kaj dinamika menso! Kaj por ni, liaj intimuloj, ĉesis por ĉiam la plezuro de lia verva kaj interesplena konversacio, la altiro de liaj opinioj pri ĉiuj temoj kaj aferoj!

Neniu hispana esperantisto povis taksi lin malĝuste ; konforma aŭ malkonforma, lia opinio estis ĉiam interesa kaj, ĉefe, sincera, ĉar lia elstara kvalito, kiu, tiel malprofite efikis por li, tre ofte, estis tia : la kruda kaj malkaŝa sincereco!

La esperanta movado altiris, ĉiam, altajn homajn valorojn : klerulojn, oratorojn, literaturistojn, poetojn, sociistojn, k. t. p.

Hernández estis la sukcesa konsistigo de tiuj kvalitoj sed, pli ol ĉio, li estis fervora disvastiganto de sia lingva kaj spirita ideo, ĉar, per ĝi, li pensis ke la mondo povus esti plibonigata, pligacigata, pli harmonia pli logika. Kaj tial, li aliris la vojon al Esperantujo.

De tiam, li nur laboris por sia metio la necesan tempon por ne malsati ; ĉion ceteran, por Esperanto!

Ni ĉiuj, pli malpli, estas romantikaj batalantoj por nia lingva afero, sed Hernández estis «totala» esperantisto. Antaŭ sia esperantistiĝo li estis fervora kulturanto de sia regiona lingvo kaj de la valenciaj aferoj; li estis tre estimata inter la tiurilataj rondoj, kaj li multe verkis en valencia lingvo.

Li subpremis siajn privatajn konsiderojn por la bono de Esperanto, kies intereso estis, por li, la supera afero.

Esperanto perdas unu el siaj ardaj defendantoj ; la hispana esperantistaro, sian heroldon ; liaj valenciaj amikoj, sian plej altan valoron. Forflugos multaj jardekoj antaŭ la apero de alia samvalora esperantisto. Tial, ni neniam forgesos lin, kaj lia eta sed gigantvalora figuro restos en la historio de nia movado sur la ora paĝo kie oni skribas la nomojn de tiuj kiuj meritis la plej altajn honorojn.

D-RO R. HERRERO

# En memoria...

*El culto catedrático y eminente orador, Presidente de la Agrupación Literaria «Amigos de la Poesía», admirador de las extraordinarias cualidades de nuestro Luis Hernández, ha querido rendir a su figura desaparecida el homenaje póstumo, al que era acreedor, con estas sentidas frases:*

Las instituciones culturales valencianas están de luto. Ha desaparecido aquel paladín de la cultura que en vida se llamaba Luis Hernández Lahuerta, aquel hombre que unía su gran modestia a su claro cerebro y a su espíritu dinámico; que vivió en su parquedad familiar, pero siempre laborando, ganándose el pan con su trabajo de artista, digno de las más calurosas alabanzas por la perfección de sus obras y por sus extraordinarias concepciones.

Empero, además, aquel hombre fue el arquetipo de la caballerosidad y de la cortesía, fue el amigo de todos, por su carácter atractivo y por su vasta cultura.

Fue un entusiasta paladín del idioma internacional y había traducido infinidad de obras literarias; su labor póstuma puede decirse que ha sido la versión de «El Ingenioso Hidalgo Don Quijote de la Mancha» al esperanto, en cuya tarea le ha sorprendido la Parca.

Cultivó también la lengua vernácula, dominaba la castellana y conocía varios idiomas; así se explica que se le conociera en distintos puntos del mundo y en todos los medios culturales de España y del extranjero.

En nuestra querida Valencia era el elemento indispensable, y en nuestra Agrupación Literaria de «Amigos de la Poesía» disertó en distintas ocasiones, iluminando con su numen y palabra al auditorio, que se entusiasmaba con aquellos raudales de elocuente lirismo o fino humorismo.

¿Quién no recuerda al culto Hernández Lahuerta en aquella conferencia en la que nos deleitó recitando poesías propias y ajenas, en Esperanto, a las que vertía al castellano con maravillosa y delicada sencillez y justeza?

Fue, en fin, un autodidacta, un valor positivo, que en edad relativamente temprana ha fenecido, pero dejando una obra perenne de laboriosidad y dinamismo verdaderamente ejemplar.

Nuestra Agrupación Literaria de «Amigos de la Poesía» está de luto y, por mi conducto, de corazón, en estas líneas proclama que no olvidará nunca al camarada e incondicional amigo Luis Hernández, por su bondad, por su gran cultura y por su amor a nuestra Agrupación, pues Hernández vivió *Vitam impendere vero,* consagrando su vida a la verdad, al honor, al bien y al ideal.

J. Feo Cremades

*Presidente de la Agrupación Literaria de "Amigos de la Poesía"*

---

## AL NEFORGESEBLA AMIKO LUIS HERNANDEZ

### LASTA ADIAŬO

Kruele, avide, la Morto severa
en trista la tago, en horo amara
kun frapo terura, kun forto mistera
haltigis la koron de l'frato plej kara.

Neniam plu vibros en vira voĉ' lia
torento de vortoj kun varmaj sukcesoj
Neniam plu verkos per plumo pasia
li belajn raportojn pri niaj kongresoj.

Kun nobla agado, li luktis konstante;
por lingv'Esperanto li iĝis semisto.
La stelo de l'Majstro nun brilas tremante.
Li estis bonulo, li estis artisto!

... ... ... ... ... ... ... ... ...

Adiaŭ Hernandez! Vi, preter la Vivo,
por nia ĉagreno ne plu ĉe ni estos.
Pro vi, se nin vundis funebra motivo
en niaj la koroj por ĉiam vi restos.

*Francesc Vilà*

# OPERACIONES DE TESORERIA EN 1960

## COBROS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Superávit del año 1959 | | 797'— | Pesetas |
| Cuotas | 45.086'— | | |
| Donativos | 4.058'— | | |
| Venta material, y anuncios | 1.509'— | | |
| Beneficios servicio librería 1959 | 4.810'— | | |
| Intereses en cuenta de ahorros | 283'— | 55.746'— | |
| Para HELPANTO-SEKRETARIO | | 6.075'— | 62.618'— |

## PAGOS

| | | | |
|---|---|---|---|
| BOLETIN: Composición e impresión | 25.710'— | | |
| BOLETIN: Fotograbados | 2.405'— | | |
| BOLETIN: Sobres | 1.835'— | | |
| BOLETIN: Correo | 3.973'— | 33.923'— | |
| Impresos | 2.143'— | | |
| Cuota de U. E. A. en 1960 | 1.940'— | | |
| Tipos de imprenta, nuevos | 130'— | | |
| Renovar direcciones máquina | 467'— | | |
| Material sobrante Congreso Pontevedra | 1.776'— | | |
| Déficit provisional Congreso Pontevedra | 5.355'— | | |
| Arreglo máquina escribir | 450'— | | |
| Valor libros premios 1959 | 820'— | | |
| Alquiler Secretaría y archivo 1959 | 1.000'— | | |
| Alquiler Secretaría y archivo 1960 | 1.200'— | | |
| Varios y menores | 421'— | 15.702'— | |
| A HELPANTO-SEKRETARIO | | 6.075'— | 55.700'— |
| Superávit final, pesetas | | | 6.918'— |

Valencia, a 31 de diciembre de 1960

El Tesorero, *Ernesto Guillem*

---

RESPONDE AL «OLDULO» : (Vidu paĝon 301 de la kongresa numero de BOLETIN).

Jes, ni pravas organizante karavanojn (almenaŭ miaopinie). Certe oni povas rekonsideri spertitajn konfliktojn kaj agi konsekvence. Unuvorte, gvidi la «simplajn ekskursantoj» laŭ niaj deziro kaj poresperanta objektivo. Ni ja posedas magnetofonon danke al la Pontevedra karavano de ni organizita. Do ni profitis de la simplaj ekskursantoj !

Sekcio Esperanto de la Koop. «La Sabadellense».

«Heroldo de Esperanto» prezo por 1961, 150 pesetoj. Peranto : S-ro D. Dalmaŭ Lauria, 98. BARCELONA.

---

«La Praktiko», prezo por 1961 ; 32 steloj. Peranto : La sama.

---

«Esperantologio» abonprezo 300 pes. Peranto : V. Hernández Llusera. Av. Ejército Español, 59. SABADELL (España).

ZARAGOZA

Aranĝita de la esperanto-grupo de Caspe (Zaragoza) kaj kun la helpo de Institucio «Fernando el Católico», okazis grava renkontiĝo en tiu urbeto la 30-an de la pasinta oktobro.

Partoprenis ĝin zaragozaj esperantistoj kaj alilokaj, inter ili fraŭlino Sarita Maynar, filino de nia neforgesebla S-ro Manuel Maynar, kiu alvenis el Alcañiz kie ŝi loĝas.

La urbo akceptis frate la vizitantoj, tiel la aŭtoritatoj kiel la samideanoj el Caspe.
Post la alveno al la urbo ĉiuj partoprenis l'iservon kaj poste iris al la urbodomo kie ĉio estas preta por komenci.

Unue parolis S-ro Desentre, enfazante la kulturajn kaj interfratajn principojn de Esperanto kaj ĝian utilecon. «Estas celo de la Institucio «Fernando el Católico» apogi ĉiujn artajn kaj kulturajn movadojn. Do, ni apogas kaj helpas la E-movadon, ĉar tiel ni helpas disvastigadon de la Universala Kulturo».

Sekve estis projekciataj du serioj da lumbildoj kun klarigoj de la prezidanto de la Esperanto Societo en Zaragozo, S-ro Pedro Marqueta, pere de magnetofono. Post longa aplaŭdado de la ĉeestantoj prelegis D-ro Fernando de la Puente, prezidanto de la Katolika Esperanto Asocio en Hispanujo. Li tre bone prezentis la lingvan ĥaoson reganta de preskaŭ kiam la mondo ekzistas. Li rimarkis la fakton de Babelturo kiel Dia puno kaj kiel simbolo de la lingva divido kaj konfuzo, sed la homo e estis kondamnita perei en tiu vasta oceano de nekompreno li men havas la solvon por tiu grava problemo, kaj se li bone scias uzi sian inteligenton, la lingvaj baroj jam ne plu ekzistos, ĉar la solvo jam estis trovata. Li defiligis antaŭ ni per elokventaj vortoj, la klopodojn de la homaro por trovi komunan komprenigilon, kaj la diversajn provojn de esprim-manieroj, kiuj malsukcesis ĝis kiam Zamenhof kreis Esperanton

Sekve D-ro de la Puente rakontis la tutam vivon de nia Majstro de la naskiĝo ĝis la morto. La publiko premiis lin per longa aplaŭdo.

Fine, S-ro Sancho Izquierdo, honora Rektoro de la Zaragoza Universitato, per klara kaj eleganta dirmaniero, rakontis siajn impresojn dum sia ĉeesto al diversaj Universalaj Kongresoj kaj akcentis la Varsovian kongreson kiel eksterordinaran okazintaĵon dum la centjara datreveno de Zamenhof.

Tre trafe li presentis la diversajn aspektojn de esperantismo kaj esperanta organizo. «Antaŭ ĉio ni analizu ĉu efektive la progresoj atingitaj de Esperanto estas vere rimarkindaj kaj gravaj.

Se la nombro de gesamideanoj ne estas tiel alta kiel ni dezirus ni povas prezenti la fakton ke nia movado kreskas ĉiutage pli forta, malgrau tio ke dum ĉi tiu jarcento eksplodis du militoj kaj aliaj eksteraj kaŭzoj, kiuj ne tute helpis al ĝia disvastigado.

La plejmulto el la personoj scias pri ni kaj pri nia lingvo, kaj la tuta terglobo kun siaj urboj kaj vilaĝoj konas nian ekziston. Nia organizsistemo pere de asocioj, societoj kaj delegitoj tre efike servas al niaj gesamideanoj por plenumi dezirojn kaj respondi demandojn pri la diversaj aspektoj de la vivo.»

La temo multe interesis la publikon kiu, longe aplaŭdis. Ni devas rimarkigi la ĝentilecon de «Radio Caspe» kie oni intervjuis S-rojn Pedro Marqueta, Fernando de la Puente kaj Miguel Sancho Izquierdo.

Postagmeze oni vizitis naturajn kaj artefaritajn vidindaĵojn ĝis la revenhoro.

La samideanoj el Caspe promesis multe praktiki, labori kaj klopodi por la disvastigo de nia kara lingvo. Ni tion kredas kaj fidas ke la grupo el Caspe baldaŭ estos multenombra. El Zaragoza ni sendas al ili tutkoran saluton kaj nun ni diras ĝis revido!

ZARAGOZANO

# KRONIKO

## VALLADOLID

La Esperanto-grupo el tiu urbo celebris la 101-an datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof per Diservo, je la dekunua matene, dum kiu patro Ildefonso Rodriguez faris elokventan predikon.

Fine li metis la Grupon «Fido kaj Espero» sub la protekto de Nia Sinjorino de la Sanktega Koro.

Poste la grupanoj kunvenis en agrabla lunĉo, kaj aŭskultis esperantajn diskojn. Estis farataj multaj fotoj por rememori ĉi tiun tagon.

TINUCA TRANQUE

## SABADELL

Nome de la loka E-klubo skribas al nia redakcio S-no V. Hernández Llusera kun informoj pri la poresperanta agado en tiu urbo. Estas rimarkinde ke nun funkcias kvar E-kursoj en Sabadell ; du por infanoj gvidataj unu de S-no L. Puig Gandia, kaj alia de S-no J. Borda Serra, kaj du elementaj kursoj kies gvidantoj estas S-no L. Mimó Espinalt kaj S-no Hernández Llusera mem.

Imitinda ekzemplo por aliaj kluboj laŭ du sencoj : unue ĉar ili atentis nian alvokon kaj due ĉar ne ĉiu grupo, eĉ la plej elstaraj el la lando, povas montri tian panoramon.

Ankaŭ informas la letero pri venontaj vizitoj de eksterlandanoj, inter ili tiu de holanda paleontologo S-no Mabesoone, kiu prelegos, meze de aprilo, en Sabadell. La Muzeo de Sabadell kaj alia institucio patronos la prelegon, prizorgas la aferon S-no Mimó kaj kunhelpos internacie fama sabadella paleontologo D-ro Crusafont (farmaciisto).

## MOYA

La 30-an de oktobro en la Salono de la Publika Bibliotekko de la loka Spara Kaso, prelegis nia samideano Ramón MOLERA, pri internacia folkloro.

Dank'al Esperanto li posedas unikan kolekton de gramofonaj diskoj de ĉiuj landoj, kun folklora muziko kaj kantoj, kaj ili estis la bazo de la antaŭdirita prelego.

La preleganto konigis la rolon de nia kara lingvo en la kolektado de la diskoj kaj la multnombra ĉeestantaro atente sekvis la prezentadon de la belaj melodioj.

Sro. Molera ricevis multajn gratulojn kaj la valoro de Esperanto montriĝis denove.

* * *

Okaze de la datreveno de la naskiĝo de Dr. Zamenhof, la 17-an de decembro, nia Grupo organizis belan festeton en nia sidejo.

Oni prezentis la figuron kaj verkon de la aŭtoro de Esperanto ; internacian folkloran muzikon ; diapozitivojn pri Palma de Mallorca —urbo de nia venonta Kongreso— ; s-no Sala el San Feliu de Codinas, bele kantis en Esperanto kaj katalune, k. t. p.

Oni ankaŭ povis admiri ekzpozicion pri Britujo —lando de la venonta U. K.—, konsistanta en diversaj afiŝoj, kaj turismprospektoj.

Al la kunveno ĉeestis 50 lokaj gesamideanoj kaj bona reprezentado de la Grupo de San Feliu de Codinas.

---

## NI RICEVIS...

...ĵurnalon «La Voz de Asturias» (20-12-60), kun artikolo de «Instruisto» pri D-ro Zamenhof. Tiun artikolon elsendis Radio Langreo dum sia programo de 19-a de decembro.

...semajnan informilon el Mieres «Comarca» (31-12-60), kun anonceto pri Esperanto kurso kaj gratulvortoj okaze de la nova jaro. La teksto estas dulingva : hispane kaj esperante. Sendis tiun revuon same ol la antaŭe menciita, Sro Valeriano Riestra Alvarez el Mieres.

# XXII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

## Al habla el Comité Local Organizador

Al aceptar el encargo de obtener unos adecuados locales para las sesiones y actos del Congreso y cuidar además de la reserva de habitación para los congresistas en hoteles y pensiones de esta ciudad, aceptamos también el de organizar algunas excursiones dentro de la isla, con objeto de que los congresistas puedan conocer los lugares de ésta más dignos de ser visitados. Este último aspecto de nuestro cometido es el más delicado, máxime, teniendo en cuenta que los primeros días del XXII Gongreso Español de Esperanto coincidirán con la estancia en Mallorca de los miembros de IFEF, que habrán llegado el 13 de mayo procedentes de Barcelona, después de la clausura de su Congreso Internacional.

Del Comité Local Organizador del Congreso de IFEF (Barcelona), recibimos la recomendación de procurar que los gastos de estancia en Mallorca no pasen de una discreta cuantía y nosotros prometimos atenernos a esta recomendación.

Por parte de la Federación Española de Esperanto se nos sugirió un programa de visitas y excursiones, cuyo coste, sin ser exagerado, sobrepasa la cuantía calculada según la recomendación de Barcelona.

Ambas tendencias son dignas de tenerse en cuenta: el objetivo de la primera es evitar que el coste del viaje a Mallorca parezca excesivo a los congresistas de IFEF y renuncien a él. La segunda considera que, hecho el gasto y el sacrificio del viaje marítimo, no se ha de reparar en unas pesetas que pueda costar la visita a lugares famosos como Pollensa, Valldemosa, Puerto de Sóller, Cuevas de Manacor, etcétera.

Para conciliar ambas tendencias hemos variado ligeramente el programa, proyectando para los primeros días unas excursiones matinales, más breves pero muy interesantes que permitirán a cada uno almorzar en su hotel o pensión, y dejarán más horas, por la tarde, para sesiones de trabajo del Congreso. Después de despedir a los miembros de IFEF (martes), se efectuarán en los días siguientes las excursiones largas, durante las cuales se almuerza fuera de casa (nosotros procuraremos organizarlas en forma que permita almorzar en Palma al regreso).

El día 19 quedará dedicado a la solemne sesión de clausura, al banquete y a la despedida de los congresistas, que podrán embarcar en la misma noche para Valencia y para Barcelona.

Como se habrá podido observar, nuestra organización no prevé el ocuparse de reserva u obtención de pasajes para los congresistas.

Respecto a hoteles y pensiones, damos a continuación unos datos de la tarifa vigente, para conocimiento de los congresistas. Coste por día de estancia y manutención: hotel clase 1.ª A, 235 ptas.; hotel clase 1.ª B, 180 ptas.; hotel clase 2.ª, 145 pesetas; hotel clase 3.ª, 125 ptas.; pensión 1.ª clase, 125 ptas.; pensión 2.ª clase, 100 ptas.; pensión 3.ª clase, 75 ptas. Añadir «servicio» 15 por 100, más «póliza de turismo», una sola vez, de 5 a 10 ptas., según clase y «tasa regional» de 0'25 a 1'50 pesetas por día, según clase.

No podemos contar con estancia gratuita para jóvenes (Campamento Frente de Juventudes o similar), pero estamos gestionando la obtención de alojamiento más barato que la pensión de 3.ª clase en lugar idóneo para estudiantes.

El coste de las excursiones matinales, cuyo servicio de transporte concertaremos, no alcanzará las 50 ptas. Para las excursiones largas obtendremos también un pre-

cio especial; los precios de la *tarifa turística actual* son los siguientes

Valldemosa, Miramar, Deyà, Puerto de Sóller, (*almuerzo*), Sóller, Alfabia. 188 ptas. en total.

Manacor, Porto-Cristo (*almuerzo*), Cuevas del Drach y Hams. 210 ptas. en total.

Formentor y Puerto de Pollensa (*almuerzo*), 201 ptas. en total.

(Ya hemos dicho que procuraremos organizar estas excursiones en forma que permita estar de regreso en Palma a la hora del almuerzo, sin dar este detalle por seguro, de momento).

Cada congresista haga constar en el *aliĝilo* la clase de hotel o pensión en que desee estar alojado; si tiene preferencia por alguno determinado, sírvase indicarlo. Los congresistas que por razón de parentesco o amistad deseen hospedarse en un mismo hotel o pensión, indíquenlo.

Cada congresista indique si tomará parte en las excursiones y en el banquete final del Congreso.

Para la reserva de habitaciones no se ha de anticipar cantidad alguna; confiamos en la buena fe y seriedad de todos los congresistas.

Las cuotas de adhesión al Congreso deben enviarse a este comité por medio de la Federación Española de Esperanto o directamente por imposición a la *libreta número* 4573, abierta en la Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros, Ag. Puerta de San Antonio, Palma de Mallorca, a nombre de Miguel Arbona y Mariano Jaquotot. La imposición puede hacerse en cualquier oficina de la Caja de Pensiones o de cualquiera de las Cajas Generales de Ahorros, en toda España.

*Por el Comité Organizador,*

M JAQUOTOT M. ARBONA

---

VIVO SAMIDEANA

Al la aktiva sekretario de la Sabadell-a E-klubo L. Puig Gandía kaj ties edzino Carmen Canovas naskiĝis dua filo, la 19-an de januaro, kiu ricevis la nomon Héctor Koran gratulon!



## LA VESPERO DE LA VIVO

Naskiĝi, vivi dum..., sed fine, jen morto
kiu ja minacas obstine, kruela,
kaj nin turmentas kun avida perforto.
ne dia ekvivo en la lumo hela.
—Ĉu viv' estos longa?
ĉu cesos rapida?
Kiam laste sonos
nia hor' decida?

De nasking' ĝis morto, ampleksi ja [spacon
fariĝas por ĉiuj natura sopiro,
sed iri facile tra tiun distancon,
ne atingas la hom', laŭ sia deziro.
—Vojaĝ al la tombo!
persekuta penso:
—la kor ĝemlamentas
dum bolas la menso.

Angora momento estos la forpaso,
Junaĝe ja ŝajnas ne gravas l'afero,
sed vole-ne vole, venas la okazo
deklivi amare la viv' pro vespero.
—Kaj la egoismo
de temp' iluzia,
iras al abismo,
kun fin' agonia.

M. DE ELEZCANO
*Bilbao*

---

## SAMA NE ESTAS EGALA

La Neĝo ja kovras la tutan ĝardenon
samkiel ĝin kovris en junaĝo mia.
Egale blankpura, egale glacia;
Egala neĝaro el neĝo tiama.
Egala, sed ne la sama.

Rigardas mi flokojn samkiel infane.
Min ĉarmas kaj ravas la danco flokluda,
la grundo tutblanka, branĉer' folinuda.
Mi same ĉeestas, mirita, frostpala.
La sama, sed ne egala.

AMALIA NÚÑEZ DUBÚS




**POŜTMARKOJ DE LA ĈINA POPOLA RESPUBLIKO.**—Kompilita de la Ĉina Filatela Kompanio, eldonita de Ĉina Esperanto-Ligo, Pekino. 19 x 27, 88 paĝoj plus plurkoloraj bildoj, tole bindita. Prezo: 1'20 dols.

La unua ekzemplero perdiĝis survoje, sed la dua trafis nin. Malgranda historio pri la ĉina poŝto troviĝas en la unuaj paĝoj, poste, kolorigitaj specimenoj de la plej belaj markoj, donaco de miniatura folio, kaj fine, desegnaĵoj pri la nunaj poŝtmarkoj, de antaŭ 10 jaroj, uzitaj en la ĉina poŝto; kun klarigoj pri la signifo de ĉiu t mo, dato, koloro, kvanto de eldono, kiuj faras komprenenblaj ĉiujn detalojn rilate tiel al simboloj kiel al okazintaĵoj kaj historio mem de tiu orienta landego.

Eble ĉar prezoj ne montritaj, la opinio de vendistoj, negocistoj, profitemuloj kaj avaruloj estas alia, sed por tiu kiu trovas agrablan distron en amatora kolektado, kiel multaj el ni, ĝi estas perfekte ĝuinda verko.

J. E. GUILLEM

---

**DIO REKOMPENCU VIN.**—Komedio en tri aktoj, de Joracy Camargo. El portugala lingvo tradukis Sylvio Peixoto. Eldonis: Kultura Kooperativo de Esperantistoj. Rio de Janeiro (Brazilo). 1959.

La libro estas bonaskepta, malgraŭ lia koverto simpla kaj farita el maldika kartono. La presado estas bona kaj ankaŭ la papero. La dikeco de la libro estas ne timiga kaj je la unua rigardo mi trovas ke la uzita Esperanto estas komprenebla, eĉ de komencantoj. Pri la kapablo kaj merito de la aŭtoro kaj tradukisto, ne estas duboj. Ĉio plaĉas al mi kaj interesigas min pri la legado de la libro. Sed...

Dum la legado, ie kaj tie, mi trovas frazojn kaj agojn de la ĉefrolulo, kiuj malvarmigas mian intereson kaj je la fino mi restas kvazaŭ mi estus manĝinta bombonon kun amara kerno.

Kiel esperantisto, mi emas esti sindonema kaj malavara por aliulo, —same ol aliaj esperantistoj—, kaj, esperantismo mem, ĉu ne estas malegoismon? Do, ne povas esti ŝatata de ni, la ĉefrolulo, kiu agas kaj parolas laŭ ĉi tiuj propraj vortoj: «Mi estas por mi kaj, kontraŭ la aliaj homoj», subtenante samtempe, erarigajn teoriojn kun tendenco al tiu materiismo kiu baras aŭ bremsas la divastiĝon de Esperanto.

Mi povus komentarii pri la vera intenco de la komedio, sed pro tio mi devus rompi la linion, kiun, ĝis nun, sekvis BOLETIN, kaj tion mi ne deziras. Tamen, kaj spite de la ĝenerala kutimo de la esperantaj recenzistoj, deklari ĉiun esperantan libron leginda kaj laŭdinda, mi opinias ke la libro havas negativajn ecojn, kaj mi ne povas, sincere, rekomendi ĝin, ĉar la mondo bezonas aliajn pli konstruajn kaj edifajn ideojn.

K. R.

---

**«ZAMENHOF»** de Ismael Gomes Braga. Eldono de Nia Stelo. Lisboa, Portugal, 1959. Zamenhof-Jaro.

Modesta libreto laŭ la aspekto, sed vere interesa por esperantistoj laŭ la enhavo. Diras la aŭtoro en la antaŭparolo rilate al D-ro Zamenhof, «Ni Anstataŭ paroli pri li, ni auskultu lin», kaj tion li faras. Ĉiu ĉapitro komenciĝas per penso eltirita de la verkaro de Zamenhof kaj sekve la aŭtoro, per trafa kaj flua plumo komentarias ĝin montrante la nuntempecon de multaj el ili, kaj alifoje, la saĝecon de tiu kiu profete liberis tiujn pensojn.

Estas bedaŭre ke la eldonistoj ne havis pli de materiaj rimedoj por prezenti pli luksan eldonon, kvankam tio ne signifas ke la aspekto estas malbona.

K. R.

---

NI RICEVIS...

...eltranĉaĵon de ĵurnalo «La Vanguardia» (6-1-61), kun artikolo «Esperanto antaŭ la scienco» verkita de la sendinto S-no Jaime Aragay, el Barcelono.

...eltranĉaĵon de ĵurnalo el Zaragozo kun anonco pri E-ekspozicio aranĝita de la Grupo Frateco okaze de la Zamenhof-datreveno.

NEKROLOGO

**D-ro Mateo Borrás Martínez, el Barcelono, en sia 35ª jaro, ĵus forpasis pro akcidento kaŭze de kolizio** de ŝarĝaŭto kun sia veturilo, perdinte tiamaniere la E-movado elstaran samideanon, kiu pro siaj kapabloj kaj kvalitoj estis efika kunlaboranto; kaj, pro sia juneco, multesperiga promeso.

Li esperantistiĝis antaŭ tri jaroj; estis membro de «Instituto de Esperanto», de Barcelona, FD, pri Medicino de UEA, kaj partoprenis la informadon de «Instituto» per radio kaj gazetaro.

Pace li ripozu!

---

**Nur lasthore ni eksciis pri la forpaso, la 22-an de pasinta Aŭgusto, de la elstara S-no Manuel Maynar Barnolas, el Zaragozo. Lia longa vivo plenigas la historion de la movado en la Aragona ĉefurbo, kaj, kvamkam pro sia maljuneco, li estis delonge apartigita de ĉiu aktiveco, lia malapero estis tre bedaŭrata pro liaj elstaraj kvalitoj kaj meritoj.**

Ke li ripozu pace!

LA OFICIALA KAJ INTERNACIA SPECIMENFOIRO DE BARCELONA (Hispanujo) UZAS ESPERANTON

Same kiel en 1960 ankaŭ en la nuna jaro tiu foiro (unu el la plej gravaj) eldonas sian oficialan afiŝon en Esperanto.

Temas pri belega afiŝo kun moderna plurkolora desegno en la formatoj 70×100 cm. kaj 30×40 cm. Belega por ekspozicio!

Tiun juvelon oni povas ricevi senpage, sed estus utile ke la petantoj menciu kie la afiŝo estos montrata (vendejo, turismoficejo, stacidomo k. t. p.) ĉar la celo ja estas propagandi la foiron ĉie.

Interesitoj turnu sin al:

Feria Oficial e Internacional de Muestras

Negociado de Propaganda.

Paseo de María Cristina.

Barcelona (4).

Deziras korespondadon kun gesamideanoj el diversaj landoj:

Tomás Ortiz García. Str. J. Campuzano, núm. 6. ALAR DEL REY (Palencia) (ESPAÑA).

---

DANKON AL ĈIUJ

Al nia oficejo alvenis granda amaso da leteroj el esperantistoj el multaj urboj kaj landoj esprimante kondolecon pro la forpaso de S-ro Luis Hernández Lahuerta. Ni antaŭ la neebleco respondi ĉiujn persone, dankas al la sendintoj per ĉi tiuj linioj.

HEF

---

ANONCETOJ

Sro. Henk **THIEN** —**Kunlaboranto de C. E. D.**—, Uiterwaardenstraat 12-II —AMSTERDAM— Nederlando, deziras ricevi ĉiajn fotojn pri Zamenhof, ĉar li starigis «Fotoserve pri la aŭtoro de Esp.».

---

La franca Grupo de Edukistaj Esperantistoj deziras trovi adresojn de personoj kiuj konsentus gastigi francajn esperantistojn, kun aŭ sen reciproka gastigado.— Interesuloj bonvolu sendi vian adreson, poŝtkarte, al fraŭlino COSSON — 4, rue Georges Bizet — MERIGNAC (Gir), kiu sendos plenan informon.

---

# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos recibidos desde el 6 al 31 de Diciembre de 1960)

| | | |
|---|---|---|
| Suma antérior | 3.637 | Ptas. |
| R. Bastardas - Sabadell | 15 | » |
| N. Ullar - San Felíu de Codinas | 50 | » |
| V. Marín - Barcelona | 40 | » |
| H. A. de Witt - Nederlando | 25 | » |
| Esperanto-Rondeto - Burjaşot | 100 | » |
| V. Monsalve - Madrid | 25 | » |
| J. Casanovas - Gerona | 30 | » |
| P. Masridal - Bañolas | 40 | » |
| R. Andreu - San Felíu de Llobregat | 5 | » |
| P. Reyes - Santa Cruz de Tenerife | 13 | » |
| R. Cortijo - Lérida | 40 | » |
| J. Arrufat - Barcelona | 13 | » |
| F. Abellu - » | 25 | » |
| Suma total de 1960 | 4.058 | » |

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA

Depósito Legal V. 309-1959